XXVIII-a Jaro. — N° 379 (3). Monata Marto 1932.

# ESPERANTO

Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio

Fondinto: H. HODLER. — Redaktoro: D-ro Edmond PRIVAT. — Direktoro de UEA: Hans JAKOB.
Adreso de la Redakcio kaj Administracio: 1, Rue de la Tour de l'Ile, Genève.



## Eŭropo malgranda

En Usono la vojaĝanto el Eŭropo jam sentas la malgrandecon de sia propra kontinento, fine nur eta parto de la homplena mondo. En Oriento denove impresas tiu sama sento.

Vasta Ĉinujo entenas kvaronon de la tuta homaro. Hindujo kvinonon. Dum semajnoj la ŝipo naĝadas sur oceano kaj maroj. Akvo kovras nian globon. Teroj estas maloftaj. Inter Oriento kaj Okcidento regas dezertoj. Montaroj nigraj en flava sablo senlima.

Brilas arĝenta luno sur tremantaj ondoj de Ruĝa Maro. Trans rokoj malproksimaj noktas migrantaj popoloj. Tendoj, brutaro, kameloj, du aŭ tri kuiriloj, jen la tuta posedaĵo de miloj da familioj vagantaj de loko al loko.

Sur tiuj vastaj spacoj regas Islamo, simpla kaj unueca. Sur la ŝipo, sur la sablo, sur la tegmentoj de l'blankaj urboj la plej humila maristo, la plej mizera paŝtisto, la plej riĉa vendisto kliniĝas al sama flanko por la vespera preĝo. Plia kvinono de l'homaro unuigita per fideleco al komuna kredo, de Maroko al insulo Java!

Famaj civilizoj floris kaj mortis tie: Egiptaj faraonoj, babilonaj reĝoj, hebreaj profetoj, grekaj satrapoj, romaj imperiestroj vice regis kaj malaperis.

En Nordo kuŝas Eŭropo malgranda kaj dividita. Eta kaĝo da mordemaj lupoj, bojantaj unu kontraŭ alia. Jam Oriento laciĝis je ties kontrolo kaj forskuas ĝin senpacience.

La respekton ĝi perdis por la teknikaj mastroj ne kapablaj konstrui feliĉon en sia propra hejmo. Eŭropanoj kaj iliaj imitantoj adoras inteligenton kaj forton, sed ili forgesis etikon.

La cerbo tie laboras al senĉesa trovado de rimedoj por akiri monon kaj povon, sed ne al organizo de feliĉo kaj paco. Tiu inteligento limiĝas al teknikaj detaloj sed ne altiĝas al reguloj de homa vivo.

Kio estas etiko finfine? Nura saĝo pri taŭga organizo de homaj rilatoj, nura uzo de inteligento por adapti konduton al bezonoj de harmonio inter homoj kaj popoloj.

Je kio utilas teknika progresado de maŝinoj, se mi devas ŝlosi mian pordon ĉiunokte pro timo je rabistoj, ĉar miaj najbaroj ne havas por manĝi? Je kio utilas la plej detala komforto en nia hejmo, se la sama scienco konstruas gasbombojn por ĝin detrui en kelkaj minutoj? La tuta klopodado ne valoras.

Kiu el ni ne preferus malpli da industriaj progresoj kaj iom pli da paco kaj trankvilo en atmosfero kie eĉ seruroj ne estus necesaj?

Tio baldaŭ fariĝus ebla, se la cerboj direktus inteligenton al tiuj problemoj. Kiel eviti militon anstataŭ ĝin pretigi? Kiel satigi la najbaron anstataŭ konstrui seruron kontraŭ lia malsato?

Eŭropo scias fabriki maŝinojn, sed ne scias ilin utiligi por feliĉigi siajn popolojn. Tial Oriento perdis admiron kaj asertas sian rajton elekti eventuale malsaman kaj ĉiuokaze propran vojon de progreso.

Perdinte la grandecon de la famo, Eŭropo denove aspektas nur malvasta angulo de la mondo suferanta kaj batalanta. Simpation de ceteraj kontinentoj ĝi regajnos nur, se ĝi lernos rasan modestecon, rezignon je trudemo kaj uzon de sia pensa lerteco al problemoj de homa vivo kaj harmonio.

*Edmond Privat.*

# Nuntempaj problemoj

## La vera situacio de armado

Kunvenas la delegitaro de 61 ŝtatoj por trovi la bazon de sentebla redukto de l'armado. Konvenas rigardi de pli proksime la elspezojn de ĉiuj ŝtatoj por la militarismo. La ciferoj kiujn publikigas la Ligo de Nacioj en ĝia dokumenta « *Annuaire Militaire* » montras la detalojn, komunikitajn de la registaroj. Sed tio nur entenas la rektajn kostojn por la armeoj kaj ŝiparoj. Oni atingas sumon de 5.000.000.000 da dolaroj. Sed tio ne entenas la *nerektajn* elspezojn, troveblaj en aliaj partoj de budĝetoj kaj foje eĉ intence kaŝataj. Tiun praktikon cetere sekvas preskaŭ ĉiuj ŝtatoj.

Verketo de konata pacifisto eklumigas iom la situacion. Estas la libro de Otto Lehmann-Russbült, « *La revolucio de l'paco* » aperinta germanlingve antaŭ nelonge. Laŭ liaj kalkuloj, ĝis nun ne kontestitaj de fakuloj, la elspezoj por la armado sin prezentas tiel :

| | *Dolar.* |
|---|---|
| Elspezoj laŭ la oficiala dokumentaro de la Ligo de Nacioj . . . . . . . . . . . . . . . . | 5.0 |
| Sub aliaj rubrikoj en la ĝeneralaj budĝetoj . . . | 0.5 |
| Armeaj pensionoj . . . . . . . . . . . . . . | 2.5 |
| Nerektaj elspezoj servantaj tamen por milito, ekzemple la konstruo de strategiaj fervojoj . . . | 2.5 |
| Sumo : (en ciferoj 10.500.000.000 Dolaroj) . . . . | 10.5 |

La nombro de la soldatoj en la konstantaj armeoj de l'tuta mondo sumas : 6.900.000 homojn. El ili estas en :

| | |
|---|---|
| Eŭropo . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 3.9 |
| Eŭropaj koloniaj-soldatoj . . . . . . . . . . | 0.7 |
| Rezervoj . . . . . . . . . . . . . . . . . | 39— |

Kompare al la antaŭmilita epoko la sumaj elspezoj por la armado kreskis ĝis cent procentoj. Oni elspezis en la jaro 1908 ĉirkaŭ 1,5 miliardojn da dolaroj. Ĝis la alproksimiĝinta tutmonda milito ili kreskis ĝis 5 miliardoj en la jaro 1913. Dum la kvar militjaroj la militmonstro englutis 250 miliardojn da dolaroj. Elĉerpita ĝis lasta guto, venis halto kaj malgrandiĝo de la elspezoj kiuj reiris al la stato de 1913. Sed ree komenciĝis la frenezo. De 1924 la elspezoj kreskis senhalte. Lord Robert Cecil kalkulas nuntempe la po-tagan armad-elspezon ĝis 1 miliono da dolaroj. Pli precizaj kalkuloj atingas eĉ la duoblon inter 2 ĝis 2,5 milionoj potage.

La armeoj disponas hodiaŭ je pezaj bataliloj :

19.700 aviadilojn batalpretajn ;
6.200 tankojn ;
46.300 kanonojn kaj minjetilojn ;
4.800 ŝipkanonojn ;
256.000 maŝinpafilojn.

Krom tiuj superbataliloj oni devas kalkuli la rezervojn de materialo — laŭ preskaŭ sama alteco. La ŝiparoj de ĉiuj maroj nombras :

115 grandajn batalŝipojn,
2.051 krozŝipojn kaj aliajn militŝipojn.
Ĉio kune kun 5.705.000 da tunoj.

La kresko de la nombro de maŝinpafiloj atentigas pri alia fakto. Je la fino de la milito, infanteria divizio havis 75 M.P., 1924 jam estis 500 kaj nun minimume *mil* da ili. Oni povas taksi ke po dek infanteristoj estas unu maŝinpafilo. Laŭ juĝo de svisa kolonelo Gertsch unu M.P. posedas batalvaloron de 250 plej bonaj pafistoj.

La lasta milito postulis dek milionojn da mortintoj. La kostoj estis, enkalkulitaj la detruoj, ĉirkaŭ 250 miliardojn da dolaroj. Tiam la mortigo de unu homo dum la milito kostis 25.000 dolarojn.

La eduko de homo ĝis la tempo kiam li mem povas perlabori sian vivbezonon do ĝis la 16-a jaro povas esti taksata ĝis 3.750 dolaroj. Kaj la mortigo en multe pli mallonga tempo... sesfoje pli multe. « « Ĉu vi kontentiĝas », tiel ekkriis *Lord Robert Cecil* en kunveno porpaca « per tia situacio, ke ĉiutage elspeziĝas 1 miliono da dolaroj por fabrikado kaj prizorgo de armiloj, dume minacas mizero kaj senlaboreco pli kaj pli da homoj, kaj mankas rimedoj por la helpado al ili ? »

La nuna konferenco en Ĝenevo devos ja trovi solvon pri la problemo. La alvoko konsciiĝi ja ne direktiĝas al la Delegitoj, ofte nur portantoj de ideoj, karaj al militistoj, politikistoj kaj armadindustriistoj. Ĝi direktiĝas al la popoloj mem, suferantaj sub la premo de la lasta milito kaj ties sekvoj. Ili denove estas sub la minaco de ankoraŭ pli katastrofa okazontaĵo.

La armada frenezo, sub kiu suferas ĉiuj ŝtatoj kvazaŭ je nesanigebla malsano, estas unu el la plej gravaj eroj en la ĉeno de la tutmonda krizo. Sen forta limigo de la armado ne estas pensebla je radika forigo de la krizo kaj ne estas esperebla reflorado de la monda ekonomio. Se ne, ni denove vojeraras, falontaj en abismon.

(Prilaboris Georg Agricola).

## En Ĝenevo dum la konferenco.

La atento de la tuta mondo direktiĝas nun al tiu urbo, kie decidiĝis jam ofte gravaj problemoj, ne ĉiam akceptitaj kun ĝojo. Tiu urbo en rava pejzaĝo, konservis multe da trajtoj memorigantaj severan Kalvin' on, reformatoron de Ĝenevo. Tiujn trajtojn ni retrovas en la sinteno de l'ĝenevanoj el malnova deveno : Profunda religieco, simpleco de vivteno, nepra korekteco ĝis pedanteco, tradiciemo kun forta inklino al progreso ne tro rapida. La Ligo de Nacioj ja ne povis trovi pli taŭgan sidejon ol tiun urbon, kie plezuroj malabundas, kie luksaj kafejoj estas kalkuleblaj ĉe la fingroj de unu mano, kie la spiritaj distraĵoj elĉerpiĝas en amaso da prelegoj aŭ paroladoj ĉiaspecaj.

Ĝenevo sin preparis por la nuna kunveno de senarmigo. Preskaŭ finkonstruiĝis la nova stacidomo, anstataŭinta la malnovan francan, jam de dudek jaroj ne plu sufiĉintan. Konstruiĝis belaj loĝdomoj kun same belaj prezoj, kie enloĝiĝas la altranguloj de la Ligo de Nacioj. Por la teknika aranĝo, la rilatoj kun la svisaj aŭtoritatoj, la aranĝoj necesaj kun hotelistoj k.t.p., la svisa registaro nomis specialan komisaron, S-ron Guillaume Fatio.

Oni atendis grandiozan viziton, sed la efektiva partopreno de oficialuloj kiel de ne-oficialuloj estas multe sub tiu ĉi atendo. Tio estas influo de la ekonomiaj kondiĉoj, kiuj devigis la registarojn ĉie ŝpari.

Por la laboroj de la delegacioj estis konstruita apud la sekretariejo de la Ligo de Nacioj, sobra tre sobra halo el betono, fero kaj vitro. La kunvenoj okazas en la Elekto-Domo (Bâtiment Electoral) masiva, kvarangula konstruaĵo, interne transformita por tiu ĉi konferenco.

Kontraŭe al la ĝisnuna kutimo dum la kunvenoj de la Ligo de Nacioj, la politikaj kunvenoj popolaj rajtas okazi. Oni malpermesis tiajn pro incidentoj okazintaj dum la kunvenoj de la Labora Organizaĵo kaj dum tiaj de la Ligo. La sekurecon de Svislando dokumentas plej bone la bildo, ke ĉe la eniro de l'konferencejo staris nur ok ĝendarmoj ĉe kvar enirpordoj. Tamen la soveta delagacio postulis severan priatenton, pro onidiroj pri eblaj atencoj. Ĝi estas la plej zorgata de la Ĝeneva Sekureca Servo kaj iafoje tiu ĉi tro-atento estas eĉ ĝena por la anoj de l' delegacio.

La malmultaj komunistoj en Ĝenevo, provis organizi protestan kunvenon, kiu facile disflugis. Sed plej amuza fakto estis, ke matene sur la pinto del' Katedralo flirtis la ruĝa flago kun falĉilo kaj martelo. Enigmo kiel ĝi fiksiĝis.

Interesaj kunvenoj publikaj okazas daŭre. La ĝenevanoj jam kutimitaj je tiuj « *Conférences* » povas sin regali. Interesaj estas tiuj organizitaj de la Virina Ligo por Paco kaj Libereco en kontakto kun ĉiuj grandaj virinaj organizaĵoj. Dum unu el ĝi parolis vice la plej konataj gvidantinoj de la virina pacmovado : Neforgesebla estis la parolado de germana Sinjorino Schreiber, (Membro de l'Reichstag) parolinta sen manuskripto en plej bela franca lingvo, de Sinjorino Malleterre, franca pacifistino, kiu kun Galia temperamento kaj vervo evoluis la postulon je sentebla redukto de l'armado. En alia kunveno oni povis aŭdi francan pacifistinon Marcelle Capy, konata verkistino. Se en tiaj kunvenoj kutime evoluiĝas tia propagandparolado sub influo de sentoj kaj de etikaj postuloj, Marcelle Capy pruvis, ke ankaŭ la virinoj kapablas paroli aferstile. Impresiga estis la ceremonio de la transdono de la kolektitaj subskriboj per delegacio de la Virinaj organizaĵoj al S-ro Henderson. Grandaj kestoj plenaj je folioj kun 8.000.000 da subskriboj troviĝis elmontritaj en vojaĝa agentejo, kun tekstoj rilatantaj al la enhavo.

Por ke ne manku komika situacio : Devis paroli en la granda salono de la Reformacio, la franca verkisto Victor Margueritte, laŭ invito de la Virina Ligo. Kvin horojn antaŭe la kunveno devis esti malmendita, ĉar la posedantoj de la salono rifuzis luon... se parolas la verkinto de iam tre diskutita romano « La Garçonne ». Protestoj de la svisaj verkistoj, plendoj, kritikoj k.t.p.

Parizanino instalis pensionejon kun « servantinoj » laŭdire belulinoj konkurso-premiitaj. Bele presitaj invitiloj disdoniĝis al eleganteluloj, supozitaj interesiĝi je agrabla distro post laciga diskutado pri kanonoj, gasoj, maŝinpafiloj, militŝipoj. Sed la Ĝeneva polico ne dormis kaj iun belan tagon fermis la « pensionejon » kaj kondukis estrinon kun belulinoj al la landlimo. Evidente la polico ne nur atentas pri la fizika sed ankaŭ pri la morala bonstato de la konferencvizitantoj.

Dume la printempa suno forte brilas super la blua lago kaj la neĝkovritaj montoj. Ke la laboroj de la konferenco konduku al taŭga rezultato estas ĉies deziro. (Alobrogo).



# *Socio kaj lingvo*

## Kion rakontas diplomata interpretisto

De Hans Vertun

Ni vivas en tempo de internaciaj konferencoj. Ili estas meze de l' publika intereso. Ŝanĝas la ŝtatistoj, sed unu viro restis daŭre ĉe sia loko kaj kvazaŭ nemankeble ĉeestas ĉiujn konferencojn de lasta jardeko. Estas D-ro *Paul Schmidt*, interpretisto de la Ministerio por Eksterlandaj Aferoj en Berlino. Antaŭ nelonge li donis kelkajn tre interesajn detalojn pri sia laboro dum konfidenciaj interparoloj de la ministroprezidantoj kaj ministroj de eksterlandaj aferoj.

Ridetante D-ro Schmidt, granda kaj larg-ŝultra viro, montras aron da notlibretoj : « Jen estas granda parto de la paroladoj de ĉiuj eŭropaj konferencoj depost 1924. De Genova kaj Locarno ĝis tiu en London okazinta lastan someron.»

Tiuj notlibretoj estas strangaj dokumentoj historiaj. Ili entenas unuopajn vortojn, laŭŝajne vicigitaj sensence. La interpretisto klarigas: «Ĉiu el tiuj ĉi vortoj — cetere ne stenografiitaj — estas la signalvorto por pli longa frazo, parolita de ŝtatisto kaj poste tradukita de mi en anglan aŭ francan lingvon dum la konferenco. Sufiĉas la signalvorto. Ĉar multe pli grave ol stenografe sekvi ĉiun vorton rapidege, estas kapti la *sencon* de la parolita frazo kaj interpreti ĝin en la alian lingvon. Tio ne estas simpla. Parolado kiu daŭris eble pli ol unu horon, oni rekonstruas helpe de kelkaj vortoj. Multe pli malfacile estas interpreti en lingvon, kun tute aliaj esprimformoj, la vivantan karakteron de la parolado. Sendube la faka scio estas por interpretisto de tiuj grandaj konferencoj pli grava ol la lingva sperto. Treege oni devas atenti, ĉar la kritiko ne estas milda, okaze de farita eraro. Okazis foje, ke ekzemple *Stresemann*, kies germanan tekston mi tradukis francen, interrompis min subite kaj korektis mian tradukon publike.

La severa observo de l'parolanto, la intensa partopreno en ĉio kio estas diskutata, kaŭzas ke la interpretisto kunvivas la konferencojn kiel apenaŭ alia homo. D-ro Schmidt, kiu modeste restas malantaŭe, rakontas kiel li sekvas ĉiun fazon de konferenco ne nur en la plenkunvenoj, sed ankaŭ en la intimaj kunvenoj de du aŭ tri ŝtatistoj ĉe tetrinko aŭ dum aŭto-ekskurso.. « Tiam estas malfacile por traduki kaj interpreti. Kiam *D-ro Brüning* kaj *MacDonald* sidis kune en Chequers ĉe teo aŭ ĉe kameno, mi ne povis elpreni notblokon. Tio estus ja detruinta la karakteron de la konfidencia interparolo. Mi devis do traduki el la memoro. Nu, *D-ro Brüning* parolas flue la anglan lingvon. Sed precize ĉe iuj fakesprimoj malofte konataj en alia lingvo, necesas interpreto. *MacDonald* ekzemple demandis subite : « Kio estas *Umsatzsteuer* ? » (imposto sur la spezoj, movado de negocoj) — La klarigo devas okazi fulmosimile. Estas precipe *MacDonald* kiu ĉiam ĝemas: « O, tiuj interpretistoj ! ».

Dum tiaj intimaj konversacioj la interpretisto havas speciale malfacilan rolon. La maniero de tia konversacio inter spertaj ŝtatkondukantoj estas en si mem multe pli koncentrita kaj sekve multe pli elĉerpiga ol la debatado dum la grandaj kunvenoj. Kiam *Briand* estis en Berlin kaj veturis kun *D-ro Curtius* tra la urbo , li momente ja admiris la purajn stratojn kaj la imponan aspekton de la urbo, sed de tia interludo la diskuto tuj glitis denove sur la kampon de la

principa politiko. Tiu ĉi rapida ŝanĝo de persona al nepersona temo, devigo en neverŝajne mallonga tempo, plenumi ampleksan politikan programon, kreas intensecon de laboro kaj elĉerpigon de forto, kion eksterulo ne imagas al si.

Demandite, ĉu dum la konferenco oni sentas tiun streĉiĝon, respondis D-ro Schmidt : « Ne. La tuta animstato kaj la streĉita atmosfero ne allasas laciĝon. La elĉerpiĝo venas poste. Dum la konferenco ĉiu ano, de la plej juna sekretariino ĝis la ĉefo de delegacio, estas kaptita de la sama streĉiĝo. Kaj tiu-ĉi stato iĝas pli kaj pli maloportuna detalo ĉe ĉiuj delegacioj. Kreskas la ŝparemo. Ŝrumpiĝas la delegacioj, pligrandiĝas la plenumota kvanto de laboro por ĉiu. Fakte okazas, ke la kelkaj sekretariinoj akompanantaj ministron al eksterlando, nenion vidas de l'konferenca urbo, escepte stacidomon kaj hotelon. La laboro iras senhalte, tage kaj nokte kun malmultaj horoj por ripozi. Ĉiuj eltenas kaj eĉ la plej juna sekretariino atendas streĉe la decidan tagon. En la delegacioj regas forta sento de solidareco. Ĉio formas tutaĵon.

Nekonsiderante la ministrojn, kiuj ja ŝanĝas de tempo al tempo, oni renkontas dum tiuj konferencoj ĉiam la samajn homojn. D-ro Schmidt ilin karakterizas : « Jen anglo, Maurice Hankey, ĝenerala sekretario de la grandaj konferencoj, alveninta kun sia stabo jam semajnojn antaŭe, okupiĝanta pri la hoteloj kaj organizanta la tutan sinsekvon de la aferoj. Malgranda, tute ne aspektante kiel anglo, daŭre ridetante... Lia lerteco estas fabela. Jen miaj kolegoj, la franco *Mathieu* , Profesoro *Camerlinck* (mortinta) kaj virino ne plu venanta al tiuj konferencoj, sed kiu restas en mia memoro kiel plej rimarkinda interpretistino : Sinjorino *Agresti*, tradukinta de l'itala en anglan kaj reen. Ŝi posedis fenomenan memoron, kio ŝin kapabligis traduki sen specialaj notoj la plej longan paroladon tute korekte en la alian lingvon. Ĝenerale oni do renkontas ĉiam la samajn vizaĝojn. La publiko jam kutimiĝis al tiu ĉi atmosfero. Se germana aŭ franca ministro eksidas en kafejo en Ĝenevo aŭ Hago, kun interpretisto, neniu ilin atentas. Konferenca publiko. La ŝtatistoj estas plene liberaj, sendependaj kaj inter si.»

« Ne forigante certajn baraktaĵojn la elteno de tia konferenco ofte ne estus ebla. La elĉerpiĝo jam ekkomencus dum la intertraktadoj. Mi memoras ja je pluraj tiaj kunvenoj de la Ligo de Nacioj, dum kiuj niaj ministroj devis tranokte labori ĝis la mateno, kiam komenciĝis la kunsido. Kiam mi vidis tiam, kiel la ministro por eksterlandaj aferoj pezis ĉiun vorton de l'parolado, farita de reprezentanto de alia ŝtato, forminte enpense jam la respondon, rapide interpretigis ne bone komprenitan frazon, tiam mi vidis laborkvanton plenumitan, apenaŭ imageblan. Dum tiaj momentoj ne ekzistas malsano. Pleje min tuŝis la momento, kiam mi akompanis *Stresemann* al Paris por subskribi la Kellogg-pakton ĉe *Poincaré*. *Stresemann* tre suferis. La kuracisto konsentis precize unu horon por la konversacio. Dum la tre grava diskuto politika, malaperis ĉiu signo de malsano el la vizaĝo de l'ministro. La horo pasis kaj jen la kuracisto sendis sian karton al *Poincaré* kaj la franca ministro tuj leviĝis.

Pri la nuna konferenco *D-ro Schmidt* opinias : « La klaraj simplaj frazoj de D-ro Brŭning ja estas pli facile tradukeblaj ol la komplikaj frazkonstruoj kaj turniĝoj de *Stresemann* kaj *Curtius*.»

*Trad.* G. Agricola.

# Notoj

*Tapetoj el vitro.* — La variaj uzeblecoj de vitro estas ja konataj. Estu atentigata tie ĉi al la signifo de vitra lano uzata kiel filtra materialo en la kemia industrio kaj kiel izoliga materialo por varm- kaj malvarmaparatoj. Oni nun sukcesis trovi novan uzeblecon. Procedo jam anoncita por leĝa protekto, kapabligas ordigi teksitajn vitrofadenojn tute regule sur larĝa etendaĵo. Tiu ĉi produktaĵo servos kiel tapeto. Tiuj tapetoj posedas silkosimilan brilon, efikanta varme kaj mole. La fadenoj povas esti kolorigataj en ĉiuj eblaj nuancoj kio ebligas fari la plej variajn modelojn de tapetoj. Ili havas ankaŭ la avantaĝon daŭre konservi la koloron. La koloroj troviĝas jam en la vitra materio. Plie la vitro-tapetoj estas facile purigeblaj kaj lokigeblaj. La prezo estas proksimume la sama kiel de bonaj papertapetoj de meza kvalito.

*La jaro de Washington.* — En Usono oni memoras dum tiu-ĉi jaro la naskiĝon de ĝia plej fama civitano George Washington, *« la patro de sia lando, kiu neniam eldiris mensogon »*. Li naskiĝis la 22-an de Februaro 1732 en Mount Vernon, ĉe Potomac-rivero en Virginia. La universalan ŝaton, kiun ĝuas tiu-ĉi granda demokrato pruvas la fakto, ke ekster Usono en multaj lokoj oni iel honoras lian memoron. Berlin kaj Heidelberg nomis du placojn laŭ li, dume Stuttgart donis la nomon Washington al biblioteko. En Romo oni starigas monumenton, same en Kanton. Budapest organizas muzikfeston. Ankaŭ en pluraj urboj polaj okazas memorfestoj. Saigon donas la nomon Washington al unu el plej belaj stratoj, en Riga al parko kaj en Maroko eĉ iu monto nomiĝos laŭ li.

*Domo de l'Libro.* — La ŝtata eldonejo soveta en Moskvo komencigis la konstruon de grandioza « Domo de l'Libro ». La konstruaĵo ampleksos ses domojn de 15-20 etaĝoj kaj devos akcepti en ĝi ĉiujn sekciojn de la ŝtata eldonejo kune kun 7.000 oficistoj.

Okaze de la Goethe Jaro la soveta eldonejo por bela literaturo, decidis eldoni la tutan verkaron de Goethe ruslingve.

*Svisa financa politiko.* — Inter la ŝtatoj kiuj firmtenas la orbazon de sia valuto, apartenas ankaŭ Svislando. Kvankam ĝi estas ankaŭ grave atingita de la krizo, la financa situacio de la konfederacio, de la kantonoj kaj de la plimulto de la komunumoj estas sana. La cirkulanta mono estas kovrata per oro je pli ol 150%, stato neniam konita. Laŭ la deklaroj faritaj de la financestro S-ro Musy, Svislando sekvos politikon de deflacio, metoda malaltigo de kostoj, budĝetoj, salajroj, severa ŝparemo de publikaj mastrumadoj. Neniel la registaro aprobas krei inflacion, doninte firman promeson konservi la orbazon, okaze de la kreo de l'Internacia Banko kaj ĝia lokigo en Baselo.

# Literaturo

## La fonto de l'forgeso.

De JAROSLAV VRCHLICKY.

*Jaroslav Vrchlicky, ĉeĥa verkisto (1853-1912) unu el plej rimarkindaj figuroj de l'ĉeĥa literaturo, tradukinto de angla, franca, germana, itala poezio.*

Abato Fulgentio apogstaris ĉe la muro de l'monaĥeja ĝardeno kaj distrite rigardis foren. La breviero falis de lia mano en la densan nepremitan herbon. Estis iom antaŭ sunsubiro. La maljunaj arboj de l'monaĥeja ĝardeno flambrilis en riĉa purpuro de l'vesperruĝo kiel alabastraj kolonoj, iliaj folioj radiis kiel smaragdoj — la tuta ĝardeno aspektis sorĉige kiel la paradizo, laŭ la rakontoj de la malnovaj kronikistoj. Foje preterflugis birdo aŭ papilio, similantaj pli al flugantaj floroj aŭ al falintaj steloj. Ĉio brilis kaj flagris, ĉio subiĝis meze de odoro de penetranta, eksterordinara forto.

Estis la mistika momento de l'transiro, kiam la tago kliniĝas al vespero — ne estas plu tago kaj ankoraŭ ne estas vespero. Momento dum kiu la animo, eĉ plej forte ligata al la materio, ne plu sentas la pezon de la ĉenoj kaj kredas, ke ŝi posedas efektive flugilojn kaj estas kapabla flugi for el tiu ĉi mondo.

La abato estis ekstreme malĝoja.

Sed ne estis la funebreco de homo libervole foriĝanta de la mondo kaj serĉanta mortigi la lastan flagron de l'vivĝojo per asketa sinteno. La malĝojo havis alian esprimon.

Estis la malĝojo de l'animo soifanta je l'vivo, la malĝojo dum kiu oni kaptas la pajleron, per kiu povus saviĝi la animo falanta, la malĝojo ekestiĝanta, ke oni volus laŭtigi ĉiujn sonorilojn en la brusto por sonoj festantaj la belon, la bonon kaj la majeston. Sed vidante nur, ke mankas al ni la sola ebleco — povi forgesigi la pasinton.

La abato levis la kapon el profunda penso kaj rigardis la feston de l'subiro. Antaŭ li staris viro en kostumo pilgrima, sur kapo larĝan konkornamitan ĉapelon, bastonon en mano, sakon kaj kukurbon ĉirkaŭ la koksoj. La staturo estis svelta kaj nobla, la vizaĝo esprimis rezignacion pacan kaj mildan.

Afable la abato mansignas. Alproksimiĝas la pilgrimanto. Disigis ambaŭ nur la malalta, parte ruiniĝinta muro de l'monaĥeja ĝardeno, surkreskita de hedero.

« De malproksime ? » demandas la abato la fremdulon

« Jes, de malproksime ».

« Ĉiam estis mia revo kaj mia sopiro, viziti unufoje la sanktajn lokojn », diris la abato, « sed ĉiam malpermesis tion al mi la devoj por miaj ordeno kaj ofico. Apenaŭ vi kredas tion, ke tio kio estis jam malfacila por la novico kaj la Frato, tute ne ebliĝis al la abato. Dum jaroj mi staris ĉe tiu ĉi muro, rigardinte laŭ la direkto kie la vojo perdiĝas ĉe l'firmamento, postrigardinte la krucojn kaj standartojn de la pilgrimantaro. Profunde tuŝis min iliaj kantoj, flugilojn mi sentis en mia brusto, sed ve, mi devis subpremi tiun ĉi ardon kaj puŝon. Amarsente mi devis reiri al la monaĥejo kiam eksonis la vespera sonorilo. Kaj tiel mi kutimiĝis, malrapide la amarsento cedis lokon al kvieta kunsento, trankvile mi rigardis pli malfrue la vicojn de la pilgrimantoj irantaj al la sankta lando... mi malenviis, sed io restis en mia animo. »

Enpensiĝis denove la abato en mallonga funebra medito. Li ne rimarkis, ke la pilgrimanto rigardis lin kun okuloj strangaj, kvazaŭ li volus penetriĝi en la karakteron de l'abato.

Ne atendante demandon, reparolis denove la abato :

« Pensis mi, ke mi estus pli feliĉa ol ĉiuj tiuj pilgrimantoj, ke mi sukcesus trovi tion, al kiu sopiras nia tuta jarcento, je kio esplorserĉas la malriĉuloj kaj la riĉuloj, la junuloj kaj la maljunuloj. »

Miraklo, ke la okuloj de l'pilgrimanto ne trapikis la abaton. Sub ilia magneta influo la abato daŭrigis. Estis kvazaŭ li konfesus al pli alta estaĵo kaj kvazaŭ foriĝus ŝarĝo de lia animo, ŝarĝon, kiun li antaŭe ne povis difini.

Trankvile, mallaŭte li parolis kun apenaŭ rimarkebla tremo de l'voĉo.

« Ni suferas ĉiuj sub tiu ĉi penso. Kiom da marveturantoj pereis en oceanoj nekonataj pro ĝi. Kion rakontas antikvaj legendoj el abatejoj kaj kronikoj de vagantaj kavaliroj, foririntaj serĉi la miraklon. Kaj ili ne trovis ĝin, ili ĝin ne trovis. Sed al mi, io flustras en mi mistere, ke mi tamen estus estinta pli feliĉa.... »

Brilis la okuloj de l'pilgrimanto kiel du flamantaj steloj. La brilo fiksiĝis je la loko kie sub la malglata kuto frapis maltrankvile la koro de l'abato.

« Mi pensas je la fonto de l'juneco. Mi kredas je ĝi, sed kie ĝin trovi ? Mi kredas, ke iam oni trovos ĝin, sed kiu estos la feliĉulo, kaj kiu kapablos ĝin valorigi por la tuta homaro ? Ĉu li kapablos, valorigi ĝin ankaŭ por si mem ? Kian profundon havas tiaj demandoj kaj kiu ilin respondos ? »

Nun parolis la pilgrimanto : « Kaj ci kredas abato, ke helpos kaj utilus al ci la fonto de la juneco, se al vi estus permesita ĝin trovi ? Kiel ci eraras ! Rigardu la fundon de via animo kaj respondu al mia demando :

« Ĉu vi estas sen kulpo ? »

Ektremis la abato ĉe tiuj ĉi paroloj. Li sentis kiel la ruĝo de l'hontemo venis en lian vizaĝon. Profunde li klinis la kapon kaj silentis.

Daŭrigis la pilgrimanto :

« Kio utilus al ci kaj ciaj similuloj la fonto de l'juneco ? Vi nur trinkus el ĝi, vi rejuniĝus, sed el tio nur rejuniĝus denove via konscio de viaj kulpoj, per kiu iam vi ŝarĝis la konsciencon. Ne la tempo nin igas maljuna, sed nia kulpo, tio, per kio ni iam pekis kontraŭ la digneco de l'homaro kontraŭ nia fato, voli la bonon kaj esti bonaj. Per la juneca trinkaĵo kreskus nur la memkredo, kaj multe pli pezus la kulpo kaj la ŝarĝo de l'ofico. Kaj tiun sorton atingus ĉiu, ĉar diru :

« Kiu inter ni estas libera je kulpo ? »

« Neniu, neniu ! » diris kortuŝite la abato. « Sed diru mem, kion ni faru ? »

« Mi konas pli bonan rimedon kaj trovis ĝin dum miaj vojaĝoj », respondis la pilgrimanto. Ĝi estas ankaŭ fonto, certe ne tiu de vi revita mirinda fonto de l'juneco. Ĝi estas amara vino, sed saniga, ĝi estas la sola, kiu sanigas tiun,

kiu pro kulpo perdis la solan veran junecon de l'animo ».

Levis la rigardon la abato al la pilgrimanto. Larĝe brilis en lia okulo la ardo de forta sopiro.

« Ĉi trovis la miraklon ? Diru, kie kaj kiam ? »

« Ne gravas tio », rediris la pilgrimanto preterirante la demandon, « sufiĉas ke mi ĝin posedas kaj ke mi povos doni al vi por trinki, se ci ne timas ».

« Nenion mi timas, mi volas », diris la abato.

Malligis la pilgrimanto la sakon. Prenis el ĝi malgrandan lignan pokaleton kaj plenigis ĝin per nigra likvaĵo el la kukurbo, pendanta flanke. La lasta brilo de l'vespera suno falis sur la palan vizaĝon de l'migranto kaj penis vane, ekflamigi en la nigraĵo la resteton de reflekso de l'sukcena koloro.

Li donis la pokaleton plenigitan al la abato.

« Kio ĝi estas ? » demandis tiu, metante la pokaleton al la lipoj.

« *La fonto de l'forgeso* », respondis la pilgrimanto.

Estingiĝis la krepusko, grizaj ombroj disvastiĝis sur la tero. La abato malplenigis la pokaleton.

Momenton li rigardis en la grizaj ombroj. Malaperis la pilgrimanto en ilia vualo, la tuta cirklo ĉirkaŭ li. Ili falis sur liajn okulojn kaj sur lian bruston. Li sentis kiel malvarmeta mano forigis tion el lia brusto, kio lin premis dum jaroj. Malpeziĝis ĉio kaj li sentis sin bonfarta. Efektive li refreŝiĝis kaj rejuniĝis. Li ridetis en sonĝo. Falis la kapo,ĉirkaŭis lin la ombroj, lin envolvis. Li mem iĝis ombro kaj malaperis en ilia sennombra sekvantaro.

Malfrue dum la nokto trovis lin la konsternitaj monakoj. Gutoj de malvarma roso kuŝis kiel briliantoj en haro kaj barbo. Sur la brusto, en kiu antaŭe la koro batis tiom maltrankvile troviĝis jasmenfloro kaj rideto de neeldirebla feliĉego estis sur la buŝo.

(Trad. Janko Slavo.)

---

# Ĉinaj proverboj

*Miras multe, kiu vidas malmulte.*

*Najbaroj estas feliĉo kaj malfeliĉo.*

*Antaŭ ol vi malriĉiĝos, vivu malfeliĉe — kaj vi neniam malriĉiĝos.*

*Se vi monon havas, elspezu ĝin ; ĉio post via morto estos por vi nenio.*

*Nenio estas pli bona ol taso da vino en la mano.*

*Pli bone estas peti al si mem ol al aliaj.*

*Homo mortas kiel lampo estingiĝas.*

*Oni konas vizaĝon de homo, sed ne lian koron.*

*Se vi ne lernas en la juneco, kion vi faros en la maljuneco ?*

*La homo estas la plej inteligenta el ĉiuj estaĵoj.*

*Multe da propraĵo — multe da zorgoj.*

*Nenio indas malĝojon pli grandan ol morto de la koro.*

*Unu festeno de riĉulo — duonjara nutraĵo por familio malriĉa.*

*Ĝojo ekstrema naskas malĝojon.*

*Pli facile estas supreniri monton por tigron kapti, ol malfermi la buŝon por prunto.*

[Trad. Fontsuno Caj].

# Letero al Fraŭlino Josephine Baker

Aminda Finjo,

Vi eble memoras je tio, Gazelgambulino, ke okaze de via unua veno en Svislando, mi komparis vin kun pometo aŭ pli precize, ke mi promesis nomi miajn pometojn laŭ vi ! Krom gazetraportoj kaj beletaj bildoj en revuoj, mi ne konis vin. Sed des pli multe mi ĝojis ricevi de vi — post forlaso de Svislando — poŝtkartsaluton el Sudameriko skribitan de via propra mano. Sinsekve mi ricevis ankoraŭ informojn el Parizo, kiuj tamen ne plu havis tiun personan karakteron, sed nur vian subskribon, sed tre suspekte rimarkigis la lertecon de via aferkondukanto kaj reklamisto. Li certe volis per tiu ĉi truko konservi la amikecon de l' Svisa verkisto por la estonto. Ĉar mia skizo aperis en la Zurich'a gazeto, li ne povis scii, ke la Baker-pometo-verkisto estis fakte kampara naivulo. Sed la arbeton mi efektive plantis intertempe, kaj ĝian silkosimilan haŭton mi karesas ĉiutage kaj tiom singarde kvazaŭ estus via vera kapreolbruna haŭto. Vi konstatas, ke okazas tie amo stranga, nekutima en svisa klimato, ekstaza, tute ne venanta el atmosfero tiom malriĉa laŭ tiu ĉi speco. Kaj dum longa tempo mi nenion ja sciis de vi, ke vi mem estas la arbeto.

Ĝis la momento, kiam la helvetaj gazetoj informis pri via dua svisa rondvojaĝo, per kio mi ankaŭ sciiĝis, ke vi venos proksime al mia hejmo. Sed tiun fojon mi nun ne venkis la scivolemon, vidi vin mem, ne nur la bildon aŭ la manskribon kaj vian transformon en arbeton. Ke mi ne povos tuŝi kaj karesi vian silkoglatan haŭton, kiel la grizverdan de la Baker-trunko en mia ĝardeno, pri tio mi estis certa jam antaŭe. El tio ne rezultos seniluziiĝo.

Finjo, vi estas pli bela ol iam mi kuraĝis revi. Preskaŭ tiom bela kiel la arbeto. Mi ne estus pensinta, se iu estus rakontinta al mi, ke tia korpa perfekteco estus ebla. Mi sidis tute proksime de la estrado kaj rigardis kaptita kaj ensorĉita la ludon de viaj haŭto kaj muskoloj dume la filistroj nur rigardis vian nudecon. Ne estas troigita, kion mi diras kaj se mi metas vian superecon ne en la animon, sed en la korpon.

Ĉar via animo, Finjo, vian naturecon mi opinias, bedaŭrinde forkuris al la diablo. Kaj ne estas vere, (ne estus plu vera) ke vi estas de fontspruĉa natureco, kiel tion oni legas en gazetraportoj. Mi vivas ĉiutage en intima rilato kun la naturo, kun besto kaj planto, kaj posedas okulon kutimitan je naturo. Vi estas nura, kompatinda Finjo, nura varietea simieto, kiu devas kapostari antaŭ la homoj pagintaj por tio. Vi faras malspritaĵojn, idiotaĵojn. Vi ne plu estas vi mem. — Vi estas *Casino de Paris*. Kaj kiajn kunulojn vi elektis. Abomena !

De tempo al tempo via vera naturo reaperas. Sed ne tiam, kiam vi elploras tiun malbenitan kanzonon (kion ĉiu kabaredistino povus eĉ pli bone) ne, nur tiam kiam funkcias via eta korpo pro ridado kaj la montrofingreto de via mano sin metas rektlinie sur vian neimiteble angulitan genuon. Jes tiam nur, vi estas Finjo, la vera senpera donaco de Dio, sen perado komerca. Kaj tiam vi meritas nur, esti laŭdata.

Aĥ, kio restis al mi fine, serioze-pripensi kun mallevi-ĝinta kapo pri tiu ĉi Eŭropo sovaĝigita kaj sendiigita, kiu ankaŭ vin entiris, plej bela virino. Tamen la arbeto, kiun mi plantis je via honoro, kreskas kaj prosperas. Kaj baldaŭ ĝi ree floras, kaj eble per ĝiaj fruktoj termaturataj (mi sendos al vi korbon plenan da ili) vi resaniĝos. Jes pri tio mi estas konvinkita. Ĉar la arbeto portas ja la renversitajn paradispomojn. Au revoir, Joséphine. Emil Schibli.

# Peleŝ

***De Carmen Sylva***

Carmen Sylva, *pseŭdonimo de Elisabeto, iama reĝino rumana † 1916. Ŝi publikigis plurajn volumojn da poeziaĵoj kaj prozo, ankaŭ kelkajn dramojn. En siaj ĉarmaj rakontoj ŝi prikantas diversajn partojn de la rumana tero. C.S., mem blindiĝinta, estis varmokora patrono de la blinduloj kaj amiko de Esperanto. Foje ŝi deklaris : « mi kredas, ke Esperanto estas la plej forta ligilo inter la blinduloj en la mondo.» En la blindulhejmo en Bukureŝto « Vatra Luminoasa » Esperanto estis en la lerneja programo.*

En la monto Buĉeĝi, kiu vidis tiom multe, ke ĝi ne plu povas miri pri io ajn, torente ekrapidas monta rivereto tiome sovaĝa kaj atakema, ke ŝajnas, kvazaŭ ĝi volus trakuri la mondon.

Peleŝ estas mirindulo, kun krispa hararo kaj malhelbluaj okuloj, kaj ĝi estas vigla kaj forta, ĝi ja naskiĝis en profundo de montego. Oni diras, ke ĝi fontas el lago kaŝita sub la tero, kie estas la sidejo de l' nimfoj. Kaj se vi restadas dumlonge apud Peleŝ, tiom longe, ke vi forgesas la mondon, vi povas klare aŭdi la kantojn de la nimfoj. De tempo al tempo eĉ aperas nimfo naĝanta malsupren laŭ la rivereto, sur granda kaj larĝa folio, ŝi glitas de ŝtupo al ŝtupo laŭ la akvokaskado kaj brilokule rigardas ĉirkaŭ sin ; sed nur tiu rimarkas ŝin, kiu naskiĝis, dum sonorila preĝvoko kaj neniam havis pekan penson en sia animo...

Peleŝ havas riproĉindan econ : ĝi ĉiam emas babili, babiladi kun la floroj, kun la arboj, kun la birdoj, ventoj, eĉ kun la muskoj sur la ŝtonoj en la riverejo...

Dum horlongoj mi sidadis apud ĝi kaj mi aŭskultis ĝiajn rakontojn kaj kelkfoje ŝajnis, ke mi vidas la fingropinton de feino, aŭ la rozan piedeton, aŭ orbuklon el ŝia hararo. Kaj ofte mi aŭdis mirebelajn melodiojn, nun mi rakontas al vi ĉiujn. Ĉar ne estas sekreto, kion Peleŝ rakontis, multaj konas tion : la filikaro kaj la muskoj, la floreto « ne forgesu min » kaj la fagoj, abioj. Kaj kiuj ne konas ilin, al tiuj diras la rakontojn la vento, kiu skuetadas la foliaron kaj diskonigas la fabelojn. Kaj la birdetoj pluportas la rakontojn, trans naŭ marojn kaj naŭ landojn.

Sed ĉar mi ne havas flugilojn, mi ne povas disporti la rakontojn, mi diris ilin nur al vi, por ke ankaŭ vi iru kaj rigardu la rivereton. Eble ĝi rakontos multe pli multe, ol mi ; kaj kiuj neniam havis pekan penson, ekvidos eĉ la feinojn...

*Trad.* T. Morariu.

*Peleŝ* estas riverbranĉeto de rivero Prahova, en pitoreska regiono de Rumanujo, apud ĝi reĝa sidejo somera.

*Buĉeĝi* pinto de la Karpat-montaro en Rumanujo.

# Du lagoj

De H. Szware.

Du lagoj,[1] blanka lago, nigra lago. Du tombejoj, blanka tombejo, nigra tombejo. La blanka tombejo kuŝas en la valo ; la nigra tombejo kuŝas sur la monto.

Ĉe la blanka tombejo, la loĝantaro estas multenombra : dumil-okcent. Du diferencaj grupoj : la identigitoj, la neidentigitoj. La neidentigitoj konsistigas la plimulton : mil-dudek-kvin. La identigitoj estas la privilegiuloj ; ĉiu havas sian kruceton el blanka pentrita ligno. Bela vidaĵo estas ĉi tiu tombejo, kun la amaso da blankaj krucoj orde vicigitaj, kvazaŭ korpuso preta por batalo. La preterpasantaj infanoj opinias ilin tiom beletaj kaj amuzaj, ke ili koleretas al siaj gepatroj por halti apude. Sed la terurigita homo forkuras de la blanka tombejo.

La neidentigitoj estas la *« senhejmuloj »*. Nek tombon, nek krucon ili havas. Ilia loĝejo estas la komuna fosejo ĝi estas la komunumo de la mortintoj.

Ĉar oni ne volis ribeligi ilin kontraŭ la privilegiuloj, oni konstruis por ili du domojn sen tegmento kaj sen kameno, sed havantajn modernajn balustraron el armita cemento laŭ usona maniero.

Tio estas belega !

Inter la du belegaj tombejoj borderitaj per balustraro, grandega tabulo el marmoro premegas la teraĵon. Ĝi estas la monumento al la mortintoj. Starigita je la honoro de ĉiuj loĝintoj en la urbeto, ĝi estas la rifuĝejo de ĉiuj memoroj, ĉiuj pensoj ŝvebantaj super la blanka tombejo.

« Disrompita koro, eterne funebronta patrino al sia filo
« Cia morto estos al ni eterna funebro
« Gefiloj kaj patrino al la patro.

Vottabulo el blanka marmoro staras super la bildo, du grandaj okuloj de ridetanta infano, larĝa frunto, buŝo kun premitaj lipoj. Ĉe angulo de la blanka marmoraĵo, oni legas, nigralitere skribita : « Al nia filo. Eternaj bedaŭroj.» Tiuj vortoj estas la plej modestaj el ĉiuj gravuritaj sur la monumento al la mortintoj.

Tio estas la plej dolora memoraĵo, kiun mi en mia koro forportis el la blanka tombejo.

Blanka tombejo, tombejo en Wettstein, domo de la francoj.

Nigra tombejo, tombejo en Linge, germana domo. Same kiel la du lagoj, la du domoj similas unu la alian : samaj krucetoj el abia ligno, abioj de Vogezoj ; sama simetrio, samaj skribaĵoj : mortinta por Franclando, mortinta por Germanlando ; sama teraĵo, samaj martiroj, martiroj de 1915.

Nur la koloro de la akvo malsamigas la du lagojn. Nur la koloro de la krucoj malsamigas la du tombejojn. La koloro de la sango estas sama. *Trad.* Stel.

[1] En montaro Vogezoj proksime de montoj Linge kaj Wettstein kie okazis la unuaj teruraj bataloj en Elzaco 1915.

# Al la memoro de Goethe

## La 22-a de Marto 1832

De A. Striever, Weimar

Premanta silento kuŝis en tiu hela printempa tago super la granda domo de *Goethe* ĉe la « Frauenplan » en Weimar, lia loĝejo kaj la naskiĝejo de liaj verkoj dum duona jarcento. Premanta silento regis ankaŭ en la rondo de fidelaj amikoj, kuniĝinta en unu el la frontaj ĉambroj de la domo. La sciigo pri la plimalbonfarto de Goethe alrapidigis ilin. Emociitaj ili aŭskultis la raportojn de la parencoj kaj servistoj venintaj el la ĉambro de Goethe. Ne plu estis dubo, kion la kuracisto antaŭdiris de post tagoj, kion la amikoj mem timis — ekfiniĝis tie ! Sed la malsanulo mem sciis nenion pri ĉi ĉio. El sia apogseĝo, en kiu li pasigis la nokton, li leviĝis frumatene, alpaŝis en sian laborĉambron, kie la bofilino sen lia scio maldormis dum la nokto. Ŝerce li riproĉis ŝin, ke ankaŭ ŝi tiom frue estis leviĝinta.



Ĝardena Domo de Goethe
en Weimar

Nur mallongan tempon la malsanulo povis resti en sia laborĉambro kaj okupi sin pri natursciencaj esploroj. Sin sentante malforta li baldaŭ reiris al la dormoĉambro kaj al sia apogseĝo. Li estas plena de certa espero je sia baldaŭa resaniĝo, kvankam liaj fortoj videble pli kaj pli malgrandiĝis. Ĉar oni lasis la ĉambron malhela, li petis, ke la fenestrokovrilo estu malfermata por enirigi pli da lumo. En larĝa, briletanta fluo nun falis la Marta suno en la ĉambron, metante en helan lumon ties kortuŝe modestan meblaron : la preskaŭ malriĉe aspektantan liton, la simplan tablon kun la lavpelvo, la nokttableton kun medicina botelo kaj tetaso. Sunbrilo superverŝis ankaŭ la malsanulon mem en lia seĝo. Por gardi sin kontraŭ la troa helo, li metis la manon antaŭ la okulojn, tial oni donis al li la verdan okulŝirmilon, kiun li kutime uzis dum vespera legado.

Longan tempon li kuŝis tiel, trankvile, tenante la manon de la apude sidanta kore amata bofilino en sia mano. De ekstere, el lia ĝardeno montranta unuan printempan verdon, pepado de birdoj kaj odoro de ĝardena tero penetris en la malvastan ĉambron.

Ĉirkaŭ la 9-a Goethe leviĝis, subtenata de John, lia skribisto, kaj la servisto Friedrich. Li rigardis al la fenestro kaj demandis, kiun tagon de l'monato oni skribas. Je la respondo, ke estas la 22-a de Marto, li rediris : « Do komenciĝis la printempo kaj ni des pli bone povas refortiĝi ! » Tiam li ree sidigis sin oportune en sian seĝon kaj baldaŭ trankvile ekdormis. En liaj sonĝoj okupis lin multspecaj aferoj de arto kaj natursciencoj, kiuj plenigis lin dum lia



Germana Nacia Teatro
en Weimar

tuta vivo, ankaŭ la korespondado kun Schiller, jam mortinta antaŭ 27 jaroj, kaj manuskripto de Kotzebue aperis en liaj ideoj. Por mallonga tempo li revekiĝis, deziris matenmanĝon, sed ne povis ion preni de ĝi. Li mendis, ĝis la lasta momento zorganta por siaj amikoj, preferatan manĝaĵon por la kortega konsilanto Vogel, kiun li invitis por la postvenonta tago je tagmanĝo.

Ankoraŭfoje li provis, apogante sin sur siajn servistojn, iri al la laborĉambro, sed en la mallarĝa pordo jam li perdis la fortojn kaj oni devis lin ree kuŝigi en lian apogseĝon. Pli malfrue, kiam jam malfaciliĝis al li paroli, li petis la serviston Friedrich : « Do malfermu la duan fenestrokovrilon por ke pli da lumo eniru ! » Tio estis la lastaj vortoj de tiu buŝo, kiu dum jardekoj heroldis grandiozajn kaj nepereontajn parolojn.



Monumento
Goethe kaj Schiller

Ankoraŭ ekdormante por la lasta dormo la neniam ripozanta spirito okupiĝis pri siaj verkoj, la dekstra mano desegnis sur la kovrilo de liaj genuoj literojn kaj signojn, ĝis tiam, ĉirkaŭ la dekunua kaj duono, la fingroj fariĝis bluaj kaj malvarmaj kaj la venke belegaj okuloj rompiĝis. Trankvile, sen stertoro, sen agonio, la mortanto sin metis en oportunan pozicion en sia seĝo — kaj la brusto, kiu kreis kaj portis kaj flegis en si mondon, lastfoje spiris ! Antaŭ la belega per la trankvileco de l'morto kronita korpo genuis plorantaj la bofilino Ottilie kun siaj infanoj, staris en funebro kaj emocio la amikoj, la fidelaj servistoj. Kaj tra la malgranda urbo kaj el ĝi tra la tuta mondo rapidis la funebra sciigo : la giganto de Weimar, Goethe, foriris de ni ! *Trad.* J. K.

## Al la luno

**de Goethe**

Lun' aperas super val'
kun nebula brilo,
en la noktsilenta pal'
venkas min trankvilo.

Milda estas la radi',
dolĉe vi ekbrilas,
al amika simpati',
via lum' similas.

Nun resentas mia kor'
ĉion, kio estis :
jen feliĉo, jen dolor' !
kaj mi sola restis.

Plaŭdu, plaŭdu, ha river'
kaptas min malgajo -
amfidel' kaj amsufer'
pasis kvazaŭ majo.

Ĝojon havis mi en kor',
ĝin mi ne forgesas !
Min turmentas la memor'
kaj neniam ĉesas.

Plaŭdu, akva element',
tra la val' sen laco !
melodi' al mia sent',
por anim' donaco.

Kiam vintre saltas vi
borden, muĝe sonas,
aŭ printempe la tili'
apud vi burĝonas.

Kun amiko sen mani',
for de l' monda bruo,
feliĉega estas vi
en duopa ĝuo.

Nokte regas nin mister',
tra la brust' ĝi vagas,
kion ni en taga sfer'
tute ne imagas.

**Plej bone :**

Se kapo vin kaj koro pelas,
plej bone estas por la hom',
se nek vi amas, nek malcelas,
vi taŭgas nur por morta dom' !

**Mara trankvilo :**

Trankvilego regas ĉiel,
ne sin movas unu ond'
kaj ŝipisto vidas tiel,
glatan akvon en la rond'.

Ĉie haltas la aero,
super ĉio morta sent'
en la vasta mara sfero
ne blovetas ia vent'.

**Veturo feliĉa :**

Nebuloj ŝiriĝas,
ĉielo ekbluas,
kaj Eol' sin levas,
heliĝas aer'
Ekventas senbride,
ŝipisto fervoras ;
rapide, rapide !
la ondoj disfluas,
proksimas la bordo,
vidiĝas jam ter' !

**Memoru :**

Povas vi la sorton spiti,
tamen foje ĝi rebatas ;
tiam devas vi eviti
sorton, kiu ne kompatas.

**Amo al sorto :**

Kontraŭ sorto nek ribeli
devas vi, nek cedi ĝin !
Provu laŭ la sorto veli,
kaj ĝi bone helpas vin.

**Nokta kanto de migranto :**

De l' ĉielo vi venanta,
jen balzamo al sufer',
vi, duoble min benanta,
ĉar duobla la mizer'.
Ha, min tedas vivolaco,
kial ĝojo kaj dolor' ?
venu, venu, dolĉa paco,
mian bruston, al la kor !

**Alia :**

Super la montoj
Silentas ĉio ;
pintojn de l'arboj
movas nenio —
vi spiron ne sentas.
La birdoj kantas neniel.
Atendu, baldaŭ vi tiel
ripoze silentas.

*Trad.* F. Döring,
Freiburg i-B.

## Lingvaj studoj

Dezirante servi al nia membraro ni enmetis la 4-an aldonon al la *Universala Vortaro* en la Jarlibron 1931 paĝoj 61-64. Tiun-ĉi aldonon akceptis kaj sekve oficialigis, la Lingva Komitato en jaro 1929. Ŝajne nur per la Jarlibro de UEA pli granda parto de l'esperantista publiko eksciis pri tiu-ĉi aldono. Ni ricevis plurajn rimarkojn, el kiuj ni represas tie-ĉi unu. Ni rimarkigas, ke niaj lingvaj institucioj estas plene sendependaj. Sekve UEA ne povas esti respondeca pri difinoj de vortoj, kiel supozis erare unu el estimataj kritikintoj. La koncerna teksto estas :

*Sacerdot'o*, prêtre catholique, ecclésiastique ayant reçu le sacrement de la prêtrise ; Roman Catholic priest ; katholischer Priester ; katolika pastro, supera je diakono, ricevinta de episkopo la sanktajn benojn ; kiuj rajtigas fari la meson kaj disdoni la sakramentojn.

---

*Redakcio de « ESPERANTO », Genève.*

Mi deziras vin atentigi pri ero trovata en « Universala vortaro » sur paĝoj 61-64 de « Oficiala Jarlibro » 1931.

Tiu ero koncernas la vorton *Sacerdoto*. Mi havas plendon por fari pri la *angla* klarigo (aŭ difino) en la teksto. Kiu ne estas preciza traduko de la *franca* kaj *germana* difinoj, kaj eĉ konfliktas kun la *esperanta* klarigo. Tiu lasta fiksas precize la sencon de la vorto : ĝi signifas pastro kiu, laŭrange, staras meze inter episkopo kaj diakono. Ĉu ne estas vere tio ?

Estus interese sciiĝi la historion de la proponoj kaj diskutoj kiuj kondukis al la eventuala adopto de la termino « Sacerdoto » kiel la teknika vorto por la eklezia oficulo (pastro) staranta inter « episkopo » kaj diakono ». Dum la diskutado en la Lingva Komitato, ĉu oni proponis alternativajn esprimojn, k. e. « presbitaro » aŭ « presbutaro ». La originala vorto greka de kiu devenas « prêtre » (france), « Priester » (germane), « priest » (angle) ?

Ĉu oni decidis je la preciza vorto Esperanta por « priest » (angle) aŭ « sacerdos » ( latine ) « Kohen » (hebree) por tiu funkciulo en religioj nekristanaj kiel la juda (Malnova Testamento), Hindua, la antikvaj kultoj de Isis, Mithras ktp ? Sekvas do, ke tia pastro ne estas limigita, aŭ nur troviĝas en la Rom-Katolika-Eklezio. Episkopoj, sacerdotoj kaj diakonoj troviĝas ankaŭ en la orientaj eklezioj (Rusa, Greka ktp.), tiel ankaŭ en la Anglikana Eklezio (en Anglujo, Kanado, Usono, Sud-Afriko ktp).

En la preĝlibro anglikana oni trovos la ritojn por krei episkopojn, sacerdotojn kaj diakonojn (-angle : Bishops, Priests and Deacons).

Tial, la angla klarigo de la vorto *Sacerdoto* en la listo estas erara, malpreciza kaj miskompreniga, kaj mi esperas, ke oni korektos ĝin kiel eble plej baldaŭ.

Kompreneble, en pure lingvoscienca afero oni ne deziras intermiksi sin en religiaj aŭ politikaj disputoj. Oni devas esti absolute senpartia, fakta, objektiva.

*W. H. Harris Lampeter, Wales.*

# Edgar Wallace

Edgar Wallace, roman-verkisto angla, mortis sekve de pneŭmonio en Beverley Hills apud Hollywood *(Gazeta informo)*

Malaperis plej populara verkisto en Edgar Wallace. En ĉiuj terpartoj, de ĉiuj klasoj estis legitaj liaj romanoj. Nekredeble kolosa estis lia produktado kaj same fantaziaj kiel liaj romanoj estis la rakontoj pri li mem kaj lia produktopovo. *Neeble estas, ne estis kaptita per Edgar Wallace*, la reklamdiro pri li.

Li naskiĝis 1875, servis kiel simpla soldato, laboris kiel militkorespondanto en Sudafriko por la agentejo Reuter. Verkis poemojn. Sed poste turnis sin entute al la verkado de aventur- kaj detektivromanoj, eble influita de l'sukceso de Conan Doyle kaj ties Sherlock Holmes.

« La pordo kun la sep seruroj » jen titolo de unu el la terurige-belegaj kriminalromanoj. Ĝi nun fermiĝis malantaŭ li mem. Neniu superruza detektivo kun la senkulpaj infanokuloj, (tipo laŭ Wallace) remalfermos ĝin. La friponoj malsekurigantaj Britujon spiros pli libere. (Verdire neniam oni supozis, antaŭ Edgar Wallace, ke ekzistas tiom da kanajloj en Britujo). Ne plu minacas ilin la sorto esti senmaskigitaj sur la lasta paĝo de l'romano de iliaj krimaj agoj. Ĉiuj, kiuj trovis neeble ĝis nun, ne esti kaptita de krimulo-persekutinta Edgar Wallace, funebras, ĉar ne plu ili povas atendi senpacience la novan verkon de ilia aŭtoro.

Oni diras, ke li verkis pli ol 150 romanojn, la plimulto laŭ tipaj motivoj kaj elementoj. La konstruaj elementoj aranĝataj iom alimaniere... tuj ŝanĝas la titolo de l'libro. Senriproĉe... ĉar ĉe bone enkondukita amasartiklo, daŭra ŝanĝo de la ŝablonoj estus malbona spekulacio. La trajtoj ĉiam revenantaj estas la rilatoj inter la detektivo kaj knabino. Ĝenerale la knabino aperas sub suspektaj cirkonstancoj en ankoraŭ pli suspekta ĉirkaŭaĵo. Sed la detektivo malkovras ŝian senkulpecon kaj edziĝas je ŝi. Delikata amo ekfloras en malbonfamaj domoj kaj la justa sorto atingas la krimulon. Edgar Wallace verkante kreis ankaŭ tutajn bandojn da krimuloj kaj disblovis ilin ĉe l'fino en ĉiujn direktojn. En Scotland Yard (Londona policejo) li supozeble estis kiel en sia hejmo.

Krom tiuj polic-romanoj li verkis librojn pri Afriko, distingiĝintaj per humoro kaj foresto de ĉia sentimentaleco. Sed kion li estus farinta el la restado en Hollywood ? Demandas la publiko, ne la literaturisto opinianta ke la mondo nenion perdis ĉe tiu ĉi lasta neskribita romano. Sed povas esti, ke manuskripto kun promesiga titolo *« La murdo en la filmlaborejo»* troviĝis en la tirkesto de lia skribotablo. Ni esperu tion kaj vi ankaŭ admirantaro, por ke vi lastan fojon estu kaptita de Edgar Wallace.

## ◙ BIBLIOGRAFIA SERVO DE UEA ◙

### Novaj libroj 1931

AEROLOGIA OBSERVATORIO de Tateno. — *Raporto n° 6.* Jarlibro por 1928. Aŭtora eldono. 210 p. 22,5 × 30. (1931-136).

E. DREZEN. — *Historio de la Mondlingvo.* Ekrelo, Leipzig. 243 p. 17 × 26. (1931-137).

INTERNACIA CSEH INSTITUTO. — *La Enigmoj.* Granda Konkurso — Pier Westerbaan, Den Haag. 16 p. 12-15,5. 1931-138

### Novaj libroj 1932

EMIL PFEFFER. — *Wörterbuch Esperanto-Deutsch.* Steyermühl-Verlag, Wien. 48 p. 12 × 18,5. (1932-1).

P. FIRU & S. PRAGANO. — *Rumana Bonhumoro en elektitaj Rakontoj.* S. Pragano, Arnhem. 64 p. 13 × 19. Prezo broŝ. 2. sv. fr. (1932-2).

KOMITATO por INTERNACIAJ RILATOJ. — *Minaco al Mondpaco.* Aŭtora eldono. Nanking. 53 p. 13 × 18,5. (1932-3).

OKAMOTO RIKICI. — *Evangelio de Sinkompletigo.* Belisma Koopera Kulturejo, Ŝizuoka ken 43 p. 12 × 19. Prezo 0.25 jen. (1932-4).

D. FAJNSTEJN. — *Mnemonika Instituto.* Presejo « LUX », Vilno. 16 p. 14 × 21. Senpaga Prospekto. (1932-5).

ROBERT RAUPP. — *Esperanto-Paradigmaro.* Aŭtora Eldono. 48 p. 14 × 22. (1932-6).

A. DEGEN & B. KOETZ. — *Esperanto Taschenwörterbuch.* Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig. 118 p. 11 × 15,5. Prezo mk. 1.- (1932-7).

WALTHER KLOEPFFER. — *Vagabondo kaj Sinjorino.* Heroldo de Esperanto, Köln. 204 p. 14 × 20. Prezo 2,80 Rmk. laoŝ. (1932-8).

JUNG & WINGEN. — *Das leichte Esperanto.* Heroldo de Esperanto, Köln. 96 p. 13 × 20. Prezo mk. 1.- (1932-9).

JUNG & WINGEN. — *Schlüssel zum Lehrbuch für Anfänger.* Heroldo de Esperanto. Köln. 28 p. 13 × 20. Prezo mk. 0.50. (1932-10).

K. SMOGORZEWSKI. — *Pol.-Pomeranio.* Trad. S. Grenkamp-Kornfeld. Esperantista Voĉo, Jaslo 127 p. 17 × 25,5. (1932-11).

LEONO VIENANO. — *Esperanto* per *Esperanto.* N. Ŝapiro, Warzawa. 66 p. 13,5 × 18,5. (1932-12).

HILLAR SAKARIA. — *Enkonduko en la Pedagogion.* Esperanto Instituto de Estonio, Tallinn. 20 p. 11,5 × 18,5. (1932-13).

ERNEST MARRIOTT. — *Giovanni Segantini.* Trad. Rhodes Mariott. Birmingham Printers Ltd. Birmingham. 14 p. 15,8 × 23,5. (1932-14

TAKEDO ARISIMA. — (tradukis T. Toogu) *Senbedaŭre Amo rabas.* Japana Esperanto-Instituto. 108 p. 13,5 × 19. Prezo 3.- sv. fr. bindita 2.25 sv. fr. broŝurita (1932-15).

JUUZO JAMAMOTO. — (tradukis K. Cujuki) *En la Nebulo, Radio Dramo.* Japana Esperanto-Instituto. 28 p. 11,5 × 16. Prezo 0.60 sv. fr. (1932-16).

E. ISIHARA. Tradukis H. Jamanaka. — *Verda Kato, Socio post 50 jaroj.* Japana Esperanto-Instituto. 188 p. 12,5 × 18,5. Prezo 3.- sv. fr. (1932-17).

KIJO CUJUKI. — *Slala Biblio de Samurajismo.* Japana Esperanto-Instituto. 22 p. 11,5 × 16. Prezo 0.60 sv. fr. (1932-18).

M. KIDOSAKI. — *Zamenhofa Leĝolibro.* Japana Esperanto-Instituto, Tokio. 146 p. 13 × 19. Prezo. 1.50 sv. fr. (1932-19).

*Ŝirkalendaro por* 1932. — Eldonita de Heroldo de Esperanto, Köln. 22,5 × 32. Prezo mk. 1.50. (1932-20).

# D-ro Privat en Hindujo

Gesinjoroj Privat revenis Eŭropo la lan de Marto kaj partoprenos la internacian Paskan konferencon en Arnhem (Nederlando) la 25-29 Marto.

En Hindujo D-ro Privat faris paroladojn pri Esperanto en Delhi ĉe Ramjas College (Universitato de Delhi) sub prezido de la Rektoro, en Benares ĉe la centra Hindu-Universitato sub prezido de la Rektoro, en Santiniketan ĉe la libera Universitato fondita de la poeto Rabindranath Tagore en Bolpur apud Calcutta, kaj en Madras en publika salonego sub prezido de la juĝisto V. V. Srinivasa Aiyangar.

En tiuj diversaj lokoj fondiĝis rondoj por eklerni la lingvon kaj la Madrasa gazetaro presigis grandajn artikolojn pri Esperanto.

# Tra la Mondo Esperantista

## 1-a INTERNACIA LINGVA KONFERENCO en ARNHEM dum Pasko (25-29. Marto) 1932

Celo :

1) Diskuti pri la lingvaj problemoj de Esperanto, komparante la spertojn de diversnaciaj uzantoj de nia lingvo.
2) Kolekti materialon informan por la lingvaj institucioj (spertoj, bezonoj kaj deziroj de la publiko uzanta Esperanton).
3) Fari rezoluciojn kaj deziresprimojn transdonotajn al la Akademio por pristudo kaj efektivigo.
4) Doni okazon al persona kontakto inter la Esp-lingvistoj.

La diskutoj okazos sur la bazo de enkondukaj referajoj, farotaj de eminentaj kompetentuloj. Provizora listo de la diskutotaj temoj :

Temoj :

1) *La tutmonda unueco de Esperanto kaj ties gardado. Batalo kontraŭ naciismoj.*
2) *La konstitucio kaj taskoj de la lingvaj institucioj. Ilia konsisto kaj laborsistemo. Financa helpo.*
3) *Nia literaturo el lingva vidpunkto. Rimedoj al pliantigo de la nivelo.*
4) *Ĉu Esperanto evoluas ? La direkto kaj faktoroj de la evoluo. La rolo de la lingvaj institucioj kaj de la Esp. publiko en la evoluo.*
5) *La vortaro. Enkonduko de novaj vortoj. Fakaj vortaroj.*
6) *Elparolado, akcento.*
7) *Vortfarado. Gramatika karaktero de la vortradikoj.*
8) *La akuzativo kaj ĝia divers-speca uzado.*
9) *La prepozicioj.*
10) *La verbo. Kunmetitaj verboformoj.*
11) *Propraj nomoj. Landnomoj.*
12) *Ortografio (Uzado de grandliteroj, mallongigoj, interpunkcio).*
13) *Problemoj renkontataj ĉe la instruado. Spertoj de kursgvidantoj.*



Esperanto-domo en Arnhem.

En la diskutoj povos partopreni ĉiu Esperantisto. Personoj ne povantaj ĉeesti en la konferenco, povas sendi siajn opiniojn kaj proponojn en leteroj, kiuj estos transdonataj al la koncernaj referantoj por prezenti ilin al la konferenco.

Post la konferenco la rezultato de la diskutoj kaj la voĉdonitaj rezolucioj estos publikigataj.

La konferenco ne havos oficialan karakteron. Ĝi estos kvazaŭ libera « lingva parlamento » de la libera Esperantista publiko. Tial ĝi ne povos fari « decidojn » pri nia lingvo, sed nur konstatojn, deziresprimojn, konsilojn. Ni esperas, ke similaj konferencoj, sendube tre gravaj por nia lingvo kaj movado, okazos poste en diversaj partoj de la mondo.

En la konferenco partopreni povos ĉiu Esperantisto. Speciale invitataj estas niaj verkistoj, instruantoj kaj la estimataj anoj de la Lingva Komitato kaj Akademio. Partoprena kotizo estas 4.— ned. guldenoj. El la kotizoj 25 %-ojn ni apartigos kiel subtenon al la Lingva Komitato.

Ni kore invitas ĉiun samideanon, kiu havas intereson kaj spertojn pri lingvaj aferoj, ke ili bonvolu esti referantoj de iu el la supre indikitaj temoj aŭ de libere elektota alia temo.

Ĉiuj aranĝoj de la konferenco okazos en la Esperanto-Domo.

La partoprenantoj de la konferenco povos loĝi en la hotelo de la Esperanto-Domo. Prezo de plena pensiono por unu tago : 3.25 (en komuna ĉambro de 5 aŭ pli da personoj), 3.75 (2-4 pers.), 4.25 (unu persono) ned. guld.

La konferencon organizas la Internacia Cseh-Instituto de Esperanto (Oostduinlaan 32., DEN HAAG, Nederlando), al kiu oni sendu la aliĝon kaj kotizon (poŝtĉekkonto : Den Haag 162626). Aliĝante oni bonvolu ankaŭ antaŭpagi la pensionprezon por almenaŭ 2 tagoj kaj indiki, ĉu la aliĝanto estas s-ro aŭ s-ino.

Post la konferenco, dum la tagoj 30. Marto-3. Aprilo, okazos en la Esperanto-Domo PASKA UNIVERSITATO kun prelegoj de eminentaj Esperantistoj. Programo poste publikigota. Invitata estas ĉiu Esperantisto.

## * Naciaj Kongresoj *

### La V-a ĉeĥoslovaka kongreso de Esperanto en Olomouc dum pentekosto la 15.-16. V. 1932.

Olomouc, iama ĉefa reĝurbo de Moravio gastigis inter siaj muroj historiaj jam multajn kongresojn. La urbo posedas interesajn vidindaĵojn ne troveblaj aliloke. Sed ĉi tiun fojon la LKK invitas ankaŭ la tutmondan esperantistaron por partopreni ĝian feston. Tiujn, kiuj ne povos partopreni persone, precipe la grupojn ni petas, ke ili bonvole sendu al ni iom da internacia nutraĵo-iom da humo-por nia vivonta monumento *arbo Esperanto*, kiun ni plantos dum nia kongreso en nia bela parko por honorigi Dron L. L. Zamenhof. Kun la humo sendu ankaŭ dediĉaĵon, kiu estos dum la planta ceremonio, tralegata . Grupo, kiu volus havi ĉizitan sian nomon sur la almetota tabulo, sendu kotizon de Kč. 150.— La nomojn de sendontoj ni publikigos, ankaŭ en naciaj gazetoj.

Ankaŭ nomigon de strato. D-ra Zamenhofa. ni projektas.

La LKK konsistas el jenaj personoj : S-roj Kudela, Neuzil, Mastny, Šterba, S-no Mrazkova kaj S-ro Rebiček.

Eksterlandajn samideanojn, kiuj dum tiu tempo vizitos nian landon ni petas partopreni pro bonega propagando. La kotizo Kč. 15.-, hotelaj ĉambroj laŭ komforto, unulitaj de Kč. 14-26.-, dulitaj de Kč. 24-62.-, dua kuŝloko sur kanapo Kč. 10. - Manĝoj en restoracioj : matena simpla Kč. 2.-, tag-kaj vespermanĝo po Kč. 6-10., en laktejoj kaj kolbasejoj por duona prezo.

La unua aliĝinto al la kongreso estas la 4 jara Luĉjo Neoral el Olomouc, kiu flue parolas nian lingvon. Adreso : Esperanto Kongreso Olomouc, Riegrova 17, Ĉeĥoslovakio.

Ant. Kudela.

## 3a Flandra Kongreso de Esperanto

Flandra Ligo organizos sian 3-an kongreson en la urbo Kortrijk, okaze de jubilea festo de la tiea grupo, je la pentekostaj tagoj.

La programo mencias oficialan akcepton per la Urbestraro, festenon kaj balon en la salono de la urba teatro, kunvenojn kaj koncerton en la urbodomo.

Postulu ilustritan prospekton de la kongreskomitato, Meerschstrato, n° 1, Kortrijk (Courtrai) Belglando.

## 21-a Germana - Esperanto - Kongreso

**Chemnitz, pentekoston 1932 14. - 17an de Majo.**

Provizora programo.

*Sabaton*, 14-an de Majo : Kunsido de la Asocio de Germanaj instruistoj Salutvespero.

*Dimanĉon*, 15-an de Majo ; Matene : Festkunsido, poste festbankedo, posttagmeze : kunsidoj de G.E.A. ; poste ekskurso al flughaveno kaj tie kunsido de Aviadista Grupo.

*Lundon*, 16an de Majo : Daŭrigo de la kunsidoj de G.E.A. ; vizito al la vidindaĵo de la urbo ; senĝena kunesto.

*Mardon*, 17an de Majo : Ekskursoj al la plej belaj punktoj de la ĉirkaŭaĵo de Chemnitz ; valbarilo de Kriebstein aŭ uzante aŭtobuson al « Erzgebirge », Augustusberg, Fichtelberg, Pöhlberg.

*Kotizoj* : por membroj de G.E.A. kaj por ekslandanoj RM 6.- (+ RM 3 po familiano) ; por la aliaj RM 12.-

Ĉiuj gesamideanoj estas plej kore invitataj ; aliĝu tuj !

La prezidantecon de la Honora Komitato akceptis ĉefurbestro Dr. Arlart.

21. Deutscher Esperanto-Kongress 1932
Chemnitz, Altenhainerstrasse 34 II P-S-K : Leipzig 91668.
**Ĝiro-Konto : No. 2244, Chemnitzer Girobank.**

# * Faka Movado *

## SKOLTO HELPAS
### okaze de neceso.

Skolta Esperantista Ligo kontraktis kun Universala Esperanto-Asocio pri reciproka interŝanĝo de servoj. UEA havas Delegitojn en dumil lokoj kaj en 80 landoj kaj pro tio povos esti valora helpo por nia propagando. Ni povas diri al skoltoj : « Lernu Esperanton estu ano de SEL kaj UEA. En 80 landoj vi trovas helpon per bonvolaj Delegitoj, jam laŭstatute plenumantaj supran devizon. La servado de UEA Delegitoj estas senpaga, krom repago de la malgrandaj elspezoj por franko. Plie UEA donas Jarlibron kaj revuon.

Tamen ankaŭ de skolta flanko devas veni helpo. Vi scias ke la Delegitoj de UEA laboras altruisme, senpage. Tiu ĉi servado esence estas skolta servado. Ĉu esperantistaj skoltoj ne povus sin meti je la dispono de l'UEA delegito por lin subteni ? Tio ebligus plian bonan agon.

Plie en lokoj kie estas skoltoj kaj kie ne estas Delegito de UEA, ĉi-tiuj devus proponi iun por esti Delegito.

Mia propono estas, ke tiaj servemaj skoltoj, devus nepre esti membroj de SEL kaj reprezenti SEL en sia loko. Tiamaniere oni povus *kunmeti liston de la lokoj, kie skoltoj scias Esperanton* kaj estas je dispono de alilandaj skoltoj eble je dispono de ĉiuj alilandaj personoj, kiuj estas ankaŭ esperantistoj.

Kie estas membroj de SEL oni fondu *nacian sekcion* de SEL , kaj tiu organizu la landan reprezentadon.

Se eble, « Skolta Bulteno » kaj « Juna Samideano » publikigu tiujn lokojn kaj eble UEA publikiĝos ilin en sia jarlibro — almenaŭ ĉe lokoj, kie estas delegitoj, kiel jam okazas por aliaj esp. grupoj.

Eble SEL ne havos monon por eldoni apartan adresaron de sia membraro kaj pri la lokoj, kie estas servemaj esperantistoj-skoltoj sed *per UEA jarlibro* estas ebleco, ke ni vidu, kie estas troveblaj tiaj skoltoj.

Se vi pensas, ke tio estus grava helpo por la skolta movado kaj ebligus multajn bonajn agojn, ne hezitu, sed anoncu vin tuj por tiu servo ! Estu preta ĉiam helpi, kiam kaj kie estas la ebleco !

*Skolta Frato, Budapest.*

## Advokatoj

Dum la kongreso en Paris okazos kunvenoj de la *Internacia Societo de la esperantistaj juristoj* ; la loko kaj la horoj de tiuj kunvenoj estas konigataj en konvena tempo. Jam estas decidata la jena demando pridiskutota : « La Advokato en la diversaj landoj ; lia jura, ekonomia kaj socia situacio.»

Por ricevi ĉiujn sciigojn, sin turni al S° advokato *Charpon*, 32, rue des Champs, *Le Mans* (Francujo).

## Gazetara Servo

Mi aranĝis sub sukcespromesaj auspicioj gazetaran servon, kiu devas prezenti al la gazetoj manuskriptojn ricevitajn per Esperanto el la tuta mondo, (escepte el Germanujo), kaj mi petas la samideanojn pri kunlaboro. Bonvolu sendi al mi el negermanaj landoj (en Esperanto au germana lingvo) memverkitajn laborojn aŭ tradukajojn de gazetsciigoj kaj raportojn pri strangaj okazintajoj, bonhumoraj aferoj, gravaj problemoj, interesaj travivajoj, pri lando kaj popolo, moroj, kutimoj k.t.p. — Noveloj, skizoj aŭ alia spirita proprajo povas esti uzata nur post la permeso de la verkistoj — Ankaŭ interparoloj kun famaj personoj (intervjuoj) de la politiko, komerco, arto, scienco, k.t.p. aŭ ellaborajoj, de ili estas bonvenaj por mia gazetservo. Por uzeblaj manuskriptoj mi pagas honorarion kaj vi povis samtempe gajni monon kaj helpi al granda grava entrepreno, kiu per via kunlaboro evoluiĝos pli kaj pli kaj iam fariĝas ankaŭ profita. Do sendu multajn manuskriptojn al :

F. W. Mischke, redaktoro, Radeberg-Sa. (German.)

## Sigelmarkoj pri Senarmigo

La Internacia Ligo de Virinoj por Paco kaj Libereco (Sidejo : 11, Vieux Collège, Genève,) energie klopodas por pli da justeco. La Franca sekcio de tiu ĉi ligo laboras en Francujo por la senarmigo kaj ĝi eldonis sigelmarkojn kun trafa bildo. Ĉi-tiuj sigelmarkoj aperis en pluraj lingvoj, ankaŭ en Esperanto. La bildon desegnis artisto Paul Colin. Oni povas mendi la glumarkojn la folion por 4 Francaj Frankoj ĉe :

S-ino Guinaud, rue Blanchard, Billancourt (Seine).

S-ino Elise Jacobs, Mathildenstrasse, 9, Flensburg (German .)

S-ino Ch. Jayet, Pâquis 7, Morges (Svislando).




## Internacia Polica Ligo
### Oficiala Informilo

Nia plej nova grupo en Riesa, Sakslando, pri kies fondo ni jam raportis lastdecembre, laŭdindmaniere propagandas kaj zorgas por plua disvastigo de nia helplingvo inter siaj kolegoj. En Riesa estas staciigita taĉmento de landĝendarmaj aspirantoj por daŭrigi specialfakan deĵorinstruon post vizito de la landa polica lernejo en Meissen.

Laŭ ĉi tiu situacio daŭre alvenas novaj aspirantoj post perfektigado de aliaj, kiuj sukcese absolvis la instruon kaj akceptis landĝendarman oficon en la lando. Laŭ tio estas tre grave por nia movado, havante tie grupon,kiu zorgas pri plua disvastigo de nia lingvo inter la aspirantaro.

Tutspecialan dankon ni ankaŭ ŝuldas al la komandanto de ĉi tiu taĉmento, al Majoro Schreyer. Kvankam ne esperantisto, li permesis la instruon de nia lingvo deĵorplane. Pluan dankon ni esprimas al la instruisto, sinjoro Vogel, kiu idealplene gvidis la kurson.

Lasttempe la anoj de ĉi tiu grupo faris ekzamenon pri iliaj kapabloj en nia lingvo por ricevi la permeson porti dum la servo esp. insignon — rubandon je la maldekstra submaniko kun la surskribo *Esperanto*.-

Fine de la ekzameno la grupo estis fotografita kun ĝiaj favorantoj laŭ la enpresita bildo.




Meze la uniformulo, komandanta Majoro Schreyer, dekstre de li la bonfama esperantisto sinjoro Dro Döhler, kaj dekstre de li la grupinstruisto, sinjoro Vogel.

Tutkore ni danku al ĉi tiu nova grupo kaj esperas, ke ĝiaj anoj ankaŭ estonte ĝojigos nin per tiaj boncelaj laboroj en la disvastigo de nia lingvo inter nia fakkolegaro.

Vivu la grupo, nia lingvo kaj nia specialfaka movado !

A. Pohle, Liga redaktoro.

## Esperantista vivo

### Naskiĝoj.

*** Al Ge-sroj Emeriko Rédely, malnova UEA-membro kaj nova UEA-membro en Budapest naskiĝis filineto.

### Edziĝoj.

*** S-ro Ignacy Wiesenberger, Delegito en Krakow kun fraŭlino Jolan Herskovits, 23-8-31.

*** S-ro A. D. Nemseĉi, Komitatano kaj Delegito de UEA en Tabriz, Pers., kun Fino Agdas Aŝrafi, 12.XI.31.

*** S-ro Florian Amaru Paraschivescu, redaktoro, kun f-ino Felicia Ionescu, en Baĉau, Ruman.

*** S-ro Ŝtefano Koch, delegito de UEA, kun s-ino Elisabeto Koch, (nask. Steiner) Giurgiu — Deva, Rumanio.

### Honorigo.

*** S-ro Stefan Blasberg M.A. en Krakow, filo de D-ro M. Blasberg prezidinto de TEKA ricevis diplomon de inĝeniero de Teknika Altlernejo en Danzig.

## Ora edziĝfesto de fidelaj UEA membroj

Gesinjoroj Gottgetreu, eks-delegito en Hannover festas oran edziĝtagon la 25-an de Marto 1932. Kongresanoj eble memoras S-ron Gottgetreu sub la traduko de lia nomo « Difidela ». Nia ŝatata samideano kaj lia edzino akceptu per tiu ĉi linioj la dankon de la Asocio por la vigla partopreno en la laboroj de UEA kaj la idealismon montritan dum malfacilaj tempoj. Sinjoro Gottgetreu nun 78 jara ĉiam interesiĝis por homamaj klopodadoj kaj malgraŭ la alta aĝo spiritvigle partoprenas ĉion kio lin interesas.



*Gesinjoroj Gottgetreu*

## Praktika propagando

Rapida antaŭenmarŝo de nia movado estas deziro de ĉiu esperantisto. Ni ja ne nur lernis la helplingvon por ni mem sed ni ankaŭ klopodas varbi novajn anojn, kaj konvinki la kontraŭulojn.

Ŝed la argumentado ne estas laŭ ĉies gusto. Estas do multe pli simple premi en la manon aŭ sendi per la poŝto imponan, konvinkigan, ĉiam aktualan propagandgazeton, kiel la franclingva « *Tribune Esperantiste* » speciale kreita por *vi*.

Dum unu jaro kaj por ĉiu unuopa abono (10. francajn frk., eksterlande : 20-) vi ricevos 40 (kvardek) ekzemplerojn de nia grandformata varbĵurnalo kiu al vi permesos daŭre kapti novajn adeptojn.

Abonu senprokraste. Vi neniam pentos! Skeptikuloj mendu senpagan specimenon.

*Administracio de la « T. E. » : 12, rue Pougin, Montigny-les-Metz (Moselle)* Postĉekkonto : 167-22 Strasbourg.

##  Turismo kaj Foiro 

BUDAPEST.

La direkcio de la Foiro en Budapest eldonis krom reklama kalendareto, sigelmarkojn, afiŝojn, grandajn kaj malgrandajn, plie flugfolietojn pri la okazonta foiro.

LE VIVARAIS.

La Portrafika societo de l'Vivarais regiono en la departemento Ardèche, Francujo, eldonis gvidlibreton, 15,5 alta, 11 cm larĝa, 16 paĝan, kun ilustraĵoj — en Esperanto. Oni povas ricevi ekzempleron skribante al : Syndicat d'Initiative, Vals-les-Bains, (Francujo, Ardèche).

CAGNES-SUR-MER.
SAINT-LAURENT-DU-VAR.

Du lokoj en la franca sudo, multe vizitataj. En gvidlibretoj franclingvaj troviĝas klarigaj tekstoj resumaj en Esperanto.

### Leipzig-a Foiro.

Ĉiuj gesamiedanoj, kiuj intencas viziti la Printempan Foiron en Leipzig, estas petataj, nepre viziti la oficialan Esperanto-Renkontejon de la Leipzig-a Foiro. Ĝi troviĝas en la ejo de la Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko, Johannisplatz 3. I. (en la centro de la urbo). Ĝi estas malfermata de la 8a ĝis 18a ĉiutage ankaŭ dimanĉe. Ju pli granda la nombro de Esperanto-interesuloj inter la foirvizitantoj, des pli granda la intereso de la foirdirekcio por Esperanto !

Vi povas uzi la adreson de la Renkontejo por tien sendigi viajn korespondaĵojn kaj tie vi povas renkonti viajn konatulojn kaj ricevi ĉiujn informojn rilate la foiron kaj la urbon. Lunde en la foirsemajno kunvenas la Leipzigajgesamideanoj kun la foirvizitantoj esperantistaj en kafejo « Bienenkorb », Dresdnerstrasse 8 je la 20a.

*Esperanto-Fako de la Leipzig-a Foiro.*

## Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

*D-ro Gyula (Julio) Rakusz*, membro de UEA, hungara reprezentanto de Internacia Scienca Asocio Esperantista. Li estis juna, profundscia tre simpatia scienculo, laboris ĉe la reĝa hungara geologia instituto, edziĝis antaŭ kelkaj jaroj. Lian interesan, enhavplenan prelegon multaj rememoras, kiuj aŭdis lin ĉe la Somera Universitato dum la kongreso en Budapest 1929. La internacia kaj hungara esperantistaro funebras perdon de valora kaj fidela ano.

*S-ro Heinrich Bederlunger*, Delegito de UEA en Innsbruck, Aŭstrio, 29.I.32 post longa sufero, 65 jara. Malnova samideano, agema amiko de UEA.

*S-ro Bozea Oumiroff*, Ano 33779, Chicago, Ill., (laŭ reveno de Esperanto, 1931).

*S-ro Hans E. Overby*, Ano 24807, en Argyle, Wisconsin, (1931).

*S-ro Nikola K. Triĉkov*, frato de Radoslav K. Triĉkov, peranto de UEA, Vraca, Bulgarujo, 7. 2. 32.

*S-ro Karl Behrle*, MA 15880 en Berlin, Januaro 1932.

*Sinceran kunsenton !*

